15-a jaro. — N-ro 9 (175) Septembro 1929




Fondita en 1908.

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Fondintoj: L. CHAMPY, Fr. SCHOOFS, Am. VAN DER BIEST-ANDELHOF, J. VAN LAERE, Oscar VAN SCHOOR.

Direktoro:
FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11
ANTVERPENO

Por la anoncoj oni sin turnu al:
H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO.

JARA ABONPREZO: Fr. 20,—
EKSTERLANDO: Belgoj 5.—
ANTVERPENO
1929

KIAL KOMPLIKI VIAN LABORON?...

*Konfesu ke*

la transformo de vortoj en "signojn", kaj poste reprodukto de tiuj samaj "signoj" denove en vortojn

*estas duobla laboro*

kaj vi komprenos jam, kial la

# DICTAPHONE

**estas la senpera metodo por diktado de la korespondaĵoj.**

Petu la broŝuron:
"L'HOMME D'AFFAIRES AU BUREAU"
(La aferisto en la oficejo)
— Senpaga alsendo —

## ROBERT CLAESEN

Fako: ES

**40, rue de Loxum, BRUSELO.**

Tel.: 106,82

ĈIUJ ESPERANTISTOJ

# KAPVESTAS

sin ĉe

## SAMIDEANO CAUS

Ĉapeloj : ĉiuj Markoj kaj prezoj

Kasketoj por vojaĝi

Ombreloj por Sinjorinoj kaj Sinjoroj

*Firmo fondita en 1898*

**Vondelstrato 19, ANTVERPENO**

KIE AĈETI PLEJ BONE MALKARE KAJ FIDINDE OL ĈE LA BONEKONATA FIRMO

## V. Vloebergh

**Juvelfabrikanto kaj horloĝisto**

**Rue du Serment, 17 - Malines**

Speciala laborejo por riparado

(113)

Por via korespondado skribu sur ia

## Poŝtkartoj ilustritaj

**kun Esperanto-teksto**

| | | | |
|---|---|---|---|
| pri Antverpeno | 30 | kartoj | Fr. 4.50 |
| „ Bruselo | 30 | „ | „ 4.50 |
| „ Bruĝo | 10 | „ | „ 1.50 |
| „ Kortrijk | 10 | „ | „ 1.50 |

**por afranko aldonu : en Belgujo F. 0.10, eksterlando F. 0.35** *por ĉiu serio de 10 kartoj.*

**Belga Esperanto-Instituto**

Poŝtĉeko : 1689.58 ANTVERPENO.

SAMIDEANOJ! KURAĜIGU ESPERANTISTAJN FIRMOJN!

Por via somera ripozloko apud Marbordo, elektu :

## *LE GRAND HOTEL D'OOSTDUINKERKE*

(Korespondas per Esperanto. — Parolas Esperante).

AGRABLA RESTADO DUM TUTA JARO

BONAJ MANĜAĴOJ. BONAJ VINOJ. TRE MODERAJ PREZOJ.

**Generala agentejo por vendado de Francaj vinoj, oleoj, Skribu al S-ro BENOIT, Grand Hôtel d'Oostduinkerke.**

El ĉiuj enspezoj farataj pere de Esperanto. S-ro Benoît dediĉos parton de 5 % al la propaganda kaso de "Belga Esperantisto".

(103

**KONSERVU vian kapitalon por igi ĝin profitdona kaj**

# AĈETU

Meblojn
Oraĵojn
Manĝilaron
Kuirilojn
Varmigilojn
Lumigilojn
Tablotukaron
Tolon
Kotonon
Peltojn
Vojaĝartiklojn
Bicikledojn

Fotografaparatojn GOERZ, KODAK, AGFA, k.t.p.

ĈION, KION VI DEZIRAS kun

## 12, 15, 20 kaj 24 MONATOJ DA KREDITO

***de la AGENCE DECHENNE S. A., 18-20-22-24, rue du Persil, BRUSELO***

PETU NIAJN SENPAGAJN KATALOGOJN.

LA VOIX DE SON MAITRE

# "HIS MASTER'S VOICE"

## APARATOJ KAJ DISKOJ

Petu informojn, katalogojn kaj prezojn al niaj Agentoj.

Kiu aŭdis nian aparaton, certe aĉetos ĝin.

15a JARO N-ro 9 (175) Septembro 1929.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Direktoro :
FRANS SCHOOFS
11, Kleine Hondstraat, Antwerpen
Telefono 943.74

Abonopagoj kaj aliaj Monsendoj al :
Poŝtĉeko No 1337.67
de
BELGA LIGO ESPERANTISTA

**Konstantaj kunlaborantoj :** M. JAUMOTTE, L. COGEN, W. DE SCHUTTER, S-ino L. FAES
H. PETIAU, F-ino R. SPIRA, F-ino J. VAN BOCKEL, H. VERMUYTEN.
**Ekspeda Servo :** FR. COOL.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*



D-ro L. L. ZAMENHOF

Portreto pentrita de Ach. De Maertelaere, el Gento.
Donaco de la Esperantistoj el Hago al la
Internacia Esperanto-Muzeo en Vieno.

## LA 21a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

### BUDAPEŜTO, 2-9 AŬGUSTO 1929.

Post tuttaga vojaĝo sur la belega Danubo oni ekvidas vespere la mil lumetojn de la hungara ĉefurbo Budapest, la nunjara ĉefurbo de Esperantolando. La ŝipo elegante cirkleveturas kaj haltas antaŭ la elŝipiĝejo, kiu estas abunde ornamita per flagoj hungaraj kaj Esperantaj.

Antaŭ ol meti la piedon sur la hungaran teron, la kongresanoj estas submetataj al severa pasportkontrolo. Ĉe la ekstremaĵo de la mallarĝa elirponteto, kiu permesas la eliron po unu persono, staras delegitoj de la L. K. K., kiuj kaptas kaj haltigas ĉiun samideanon, por kiu la loĝado ne ankoraŭ estas zorgita.

La 2an de Aŭgusto okazis du interkonatiĝaj festoj: unu por la blindaj esperantistoj en la blindul-instituto, kaj alia ĝenerala en la granda laktejo ĉe la Urba Ĝardeno.

La alian tagon, Sabate la 3an de Aŭgusto, estas la granda tago por la deĵorantoj en la Akceptejo establita en la Redutpalaco apud la Danubo. La diversaj oficejoj estas organizitaj en la antaŭhalo kaj en la lokoj ordinare uzataj kiel vestejoj, ĉi tiuj havas grandan avantaĝon, ke la deĵorantaj samideanoj povas labori malantaŭ fortikaj tabloj, kiuj rezistas al la puŝegoj de la senpaciencaj servotaj personoj. Malbona flanko de tiuj lokoj estis, ke ili estis iom mallumaj kaj ke la spaco por la alvenintaj personoj ne estis sufiĉe larĝa. Simpla konstato, ne kritiko, kiun oni cetere ne atendu de ni, kiuj konas persone la malfacilaĵojn, kaj kiuj scias ke Esperanto-kongreso vivonta unu semajnon ne povas konstrui por si apartan oficejan palacon kun ĉiuj komfortaĵoj propraj al sia tute speciala funkciado. Ĝi do uzas la oportunaĵojn ekzistantajn, kaj ni povas diri, ke ĉi tie ili estis kontentigaj.

Pro foresto de mallarĝaj koridoroj, oni facile trovis la vojon al ĉiuj faktabloj, kaj senpene akiris la kutiman koverton kun ĉiuj kongresaj dokumentoj: kongreskarto, kongreslibro enhavanta — laŭ la Antverpena ekzemplo — la plenan programon kun ĉiuj detaloj, biletoj por la teatra prezentado kaj ekskurso, superbela plano de la urbo kun priskriboj en Esperanto, malgranda vortareto hungara-Esperanta, kaj diversaj reklamiloj de Esperantaj kaj neesperantaj entreprenoj. Monŝanĝejo kaj poŝtejo bonorde funkciis, lerte gvidataj de bone parolantaj samideanoj.

Antaŭ ol tute trankvile atendi la kongresokazontaĵojn, estis ankoraŭ necese reguligi sian pasportan situacion. La hungara registaro postulis de ĉiu partoprenanto rabatpagon de la vizo, laŭ tabelo videble pendigota en la koncerna fako kaj montranta la diversajn sumojn pagotajn de la diversaj nacioj. Ĉu ni bedaŭru, ke la hungara registaro ne traktis nian kongreson kiel ĝi traktis kongreson internacian de studentoj okazontan iom post la nia kaj al kiu ĝi donis la senpagan vizon ? Ni ne faru tion

sed esperu, ke estonte la aŭtoritatoj komprenos, ke Esperanto-kongreso estas unu el la plej efikaj propagandaj rimedoj por turismo. Kial cetere la organizontoj ne petus senpagan vizon, antaŭ ol sendi sian inviton al nia I. C. K.? Simpla ideo.

Ni povis konstati, ke la diversaj servoj en la akceptejo bonege funkciadis sub la kompetenta gvidado de S-ro Paŭlo Tolnai, ĝenerala sekretario de la L. K. K., la animo de la entrepreno, kaj liaj du ĉefaj kunlaborantoj, S-ro Paŭlo Balkanyi, sekretario kaj Elek Tolnai, la kasisto. Ni aldonu jam tuj ke tiuj tri ĉefaj roluloj de la tuta organizado ne laciĝis, dum la tuta semajno, kompleze servi, afable respondi al ĉiuj oportunaj kaj neoportunaj demandoj kaj petoj, pacience aŭskulti ĉiujn pravajn kaj nepravajn plendojn kaj konsilojn.

Je la 11a matene okazis en la belega granda salono de la muzikakademio la solena malfermo de la 5a Somera Universitato. Antaŭ plena ĉambrego faris la malferman paroladon S-ro Georgo Lukacs, eksministro de instruado, ĉefprotektanto de la kongreso. Li deklaris, ke Esperanto reprezentas tiun pacifismon, kiu signifas la universalan homamom. Sendube Esperanto estas la plej perfekta internacia lingvo nuntempa. La amo al la patrujo ne malhelpas la estimon al la tuta homaro kaj la vera internaciismo estas pacifismo, kiu kompletigas la naciismon. Oni devas interrilati kun la tuta mondo por ekkoni la fremdajn kulturojn. La internacian pacon povas nur certigi tiuj du faktoroj, kiuj estas la bazo de la paco interne de la ŝtato, libereco kaj rajto. Por tiu celo oni bezonas inter la nacioj superan juĝistaron. Li atentigis, ke Hungarujo deziras pacon kaj kulturan evoluadon, en kies senco li salutas la gastaron kaj malfermas la 5an someran universitaton.

Entuziasma aplaŭdado dankis al la oratoro, kiu esprimis sin en bonega, pura Esperanto.

S-ro D-ro Leono Lorand, rektoro de la somera universito, dankis al S-ro Lukacs, al ĉiuj lokaj eminentuloj kiuj kunlaboris al la organizo de la nunjara S. U. aŭ ebligis la okazigon de solena kunsido en ĉi tiu belega palaco. Li salutas la ĉeestantajn oficialajn reprezentantojn, inter kiuj tiun de la kulturministro grafo Kuno Klebelsberg. Poste, li diras, ke per la universitato oni demonstracias, ke Esperanto, servante al pli altaj sciencaj celoj, estas nepre necesa faktoro por la nehaltigebla kulturevoluo.

Tuj poste okazis la unua prelego de la S. U. - S-ro Prof. Giorgio Canuto, de la Universitato de Torino pritraktis la temon : « Historio de la juĝa medicino ». Li ekzamenis ĝian disvolviĝon tra la epokoj : La Papo Inocento III estis la unua, kiu ĝin oficiale rekonis. Venis la Salerna Skolo kaj la Universitato de Bologna. En Germanujo, en 1580, la leĝo de Bamberg devige akceptas ĉeeston de kuracisto ĉe juĝaj procesoj. Jen estis la komenco de la juĝa medicino. Ĉiuj sciencfakuloj parolas pri la teorio de Prof. Cesare Lombroso. La preleganto interese parolas pri la nuna stato kaj tekniko de la institutoj de juĝa medicino.

Posttagmeze okazis la jarkunveno de la Internacia Ligo de Es-

perantistaj Poŝt- kaj Telegraf-Oficistoj, kaj kunsidis la Konstanta Reprezentantaro de la Naciaj Societoj Esperantistaj. Ĉi tiu prezidata de S-ro Fr. Schoofs, pritraktis diversajn punktojn de ĝenerala intereso kaj ree priparolis la deficiton de la 14a kongreso de Vieno. Estis proponite, ke speciala komisiono konsistanta el S-roj John Merchant, prez. de ICK, Fr. Schoofs, Sekr.-Kas de K. R., F. Stettler, prez. de UEA, al kiuj estus aldonata S-ro P. Blaise kiel kasisto, entreprenu novan alvokon al la tutmonda Esperantistaro por fine forigi tiun bedaŭrindan aferon.

La saman posttagmezon la blindaj Esperantistoj havis la malfermon de sia 8a kongreso, kiun ĉeestis la ĉie konata redaktoro-presisto de la « Braille»-eldonita gazeto « Esperanta Ligilo », S-ro Harald Thilander. Ankaŭ okazis diservo por Izraelidoj.

La ĉefa solenaĵo de tiu tago estis la malferma kunsido de la kongreso mem, kiu okazis vespere en la granda kaj pompa festsalono de la Redutpalaco, ĉeestata de ĉiuj kongresanoj.

Grupo de Knaboskoltoj, portantaj hungarajn kaj Esperanto-flagetojn, formas honorgvardion apud la podio, sur kiun iras la estraro kaj la diversaj reprezentantoj, dum la orkestro ludas la belegan Rakoczi-marŝon.

Sonas tiam la solena hungara nacia himno, kiun la tuta ĉeestantaro aŭskultas starante.

S-ro Fr. Schoofs, prezidinto de la antaŭa kongreso, en Antverpeno, mallonge salutas la kongreson kunportante karan memoron pri la dudeka kongreso. Li proponas la kongres-estraron laŭjene: Prezidanto : Prof. J. Mihalik, Vicprezidantoj : D-ro L. Lorand (Budapest), A. Behrendt (Berlino), J. J. Boutwood (Londono), Ĉen (Singapuro), C. Domingues (Rio de Janeiro), T. F. Guéritte (Parizo), Prof. Jukl (Bratislava), Princo Karlo de Svedujo, Sakurata (Kioto), Feliks Zamenhof (Varsovio), Kol. Zylvestrief (Sofio),; Konstanta ĝen. sekretario : S-ro Rob. Kreuz (Ĝenevo), Gen. Sekretario : S-ro P. Tolnai, Sekretarioj : S-roj P. Balkanyi kaj Elek Tolnai, Vicsekretariino ; S-ino E. Benczen-Szêkely, Asistantoj : S-roj J. Baghy, L. Kökenyi, T. Kovacs, Szasz, kaj Stef. Zöldy.

La kongreso aklamas tiun proponon. S-ro Schoofs gratulante S-ron Mihalik transdonas al li la prezidantan seĝon.

En la nomo de la L. K. K. S-ro de Mihalik dankas pro lia elekto kaj deziras bonvenon al ĉiuj esperantistoj venintaj el ĉiuj partoj de la mondo.

La orkestro ludas la « Esperon », kunkantatan de la staranta ĉeestantaro. Poste deklamis la konata poeto Julio Baghy poezion sian « Al nova bordo ».

La kongreso akceptas proponon de la prezidanto, sendi saluttelegramojn al la hungara regnestro Admiralo Horty, al la ĉefministro grafo Bethlen, al arkiduko Francisko Jozefo, al la Ministro de publika

instruado, grafo Klebelsberg, al ĉefepiskopo Zichy kaj al eksministro D-ro Lukacs.

Salutas la kongreson : S-ro Ministra konsilanto Barono Kazy, je la nomo de la hungara registaro, S-ro Vicurbestro D-ro Berczell, je la nomo de la urbestrato, S-ino Réthey, prezidanto de la societo « Pro Hungaria », vestita per brila nacia kostumo, je la nomo de la hungaraj virinoj, kaj S-ro Barono Solai, poŝtministro.

La prezidanto salutas la reprezentantojn de la familio Zamenhof kaj invitas S-ron Feliks kaj F-inon Lydia Zamenhof preni lokon sur la podio.

La kongreso aŭdis tiam la simpati-esprimojn de la oficialaj reprezentantoj de registaroj aŭstria, brazila, ĉehoslovaka, germana, ĥina, lihtenstejna, nederlanda, norvega, rumana, saarteritoria, svisa kaj usona stato Michigan, de la internacia Labor-Oficejo, de la urboj Budapest, Bialystok kaj Saarbrücken, kaj de diversaj hungaraj korporacioj.

S-ro Merchant, el Sheffield, prezidanto de I. C. K., stariĝas kaj jene parolas :

Sinjoro Prezidanto,

Karaj gesamideanoj,

Kiel nova prezidanto, ne de tiu ĉi kongreso, sed de la Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado, mi deziras parte de la Komitato korege saluti vin kaj gratuli al vi pro la bonega komenco de tiu ĉi kongreso. Multaj el vi, samkiel mi mem, venis el landoj malproksimaj por invadi Hungarlandon. Sed ni ne venis kun glavoj eltirigitaj kaj kun armiloj minacantaj, sed kun feliĉeco en la koro, kun paco kaj amo (Aplaŭdo) kaj kelkaj eble eĉ kun multe da mono por pliriĉigi la enloĝantojn de ĉi-tiu bela lando (Rido). Ni venis tien ĉi pro tio, ke ni ĉiuj estas samideanoj.

Antaŭ ol mi foriris de mia hejmlando, mi legis kaj studis kelkajn verkojn, por ke mi povu pli bone kompreni la historion de l'hungara popolo. Legante tiun historion, mi bone ekvidis, ke vi havas la rajton esti fiera kaj brava popolo. En via historio mi legis pri glorindaj aferoj de via pasinteco, pri la gloro, kiun via malgranda lando gajnis sur la batalkampo. Pli admirinda ol ĝi tamen estas la gloro, kiun vi atingis sur la pacaj kampoj de l'arto, literaturo, teatro, muziko ktp. Kaj pro tio mi estas feliĉa povi saluti kaj bondeziri vin hodiaŭ. Sed mi ankaŭ komprenis iomete la dolorigajn min kortuŝantajn spertojn, kiujn faris la hungara popolo, la suferojn, kiujn vi devis elteni dum epoko de pli ol mil jaroj. Ĉar oni devas memori, ke ĉirkaŭ Hungarlando kuŝas multaj landoj. Kaj de tempo al tempo tra la jarcentoj la hungara popolo pro tio devis prepari sin por sin defendi kontraŭ neatenditaj atakoj. La historio de Hungarlando instruas nin esperantistojn, ke ni devas havi kuraĝon kaj paciencon. Tiel, ke la hungaroj neniam perdis sian nacian karakteron, sian nacian spiriton, sian nacian reputacion, ĉiam estis kaj,

mi esperas, ĉiam estos hungaroj. Ili instruas al ni paciencon kaj kuraĝon.

Estas kelkaj el vi, kiuj ĉeestis la lastan kongreson en Antverpeno. Vi certe memoras, ke je la komenco de la kongreso atmosfero de suspekto kaj malseriozeco regis kaj pendis super ĉiuj kunvenoj. Feliĉe ĉio bone foriris. Kaj ŝajnas al mi, karaj samideanoj, ke tiuj detaloj nun ne plu devas interesi nin, ke ni devas forlasi la altrudon de suspekto de unu kontraŭ la alia. Ni devas havi fidon, fidon reciprokan.

Se oni rigardas la geografian karton de Eŭropo, oni vidas, ke Hungarujo estas preskaŭ la centro de la suda parto de l'kontinento kaj pro tio oni povas nomi Budapeston la koro de Eŭropo. Tamen hodiaŭ, Sinjoro prezidanto kaj karaj gesamideanoj, Budapest estas multe pli grava ol centro de Eŭropo, ĝi estas la centro de la tuta mondo. Ĉi-tie ni havas la reprezentantojn de preskaŭ ĉiuj civilizitaj popoloj, kuŝantaj apud la koro de l'tutmondo. En la jaro 1872 okazis 2 gravaj, imponaj historiaj okazintaĵoj. En tiu jaro la du partoj de Budapesto unuiĝis. Ankaŭ mi mem en tiu jaro aperis sur la tero. Jen simbolo, kiu montras al mi la parencecon de l'sorto ; mi mem naskiĝis sub la sama stelo. Kaj kiam mi mem la unuan fojon estas en tiu ĉi belega urbo, mi devas diri, ke tiu stelo, sub kiu mi naskiĝis estas brila stelo, la verda stelo de Esperanto.

Ni venis al Budapest, tiu koro en kiu vi jam montris al ni vian simpation, tiel bonege, afable akceptante nin, ke mi estas certa, ke post iom da tempo, ja post kelkaj tagoj,vi hungaroj, vi Budapeŝtanoj kiuj jam montris al ni vian tutan koron, plene amos nin.

Sed ne vi nur amas nin, ankaŭ la estraro de l'kongreso proponas al vi la amon de ĉiuj esperantistoj. Vi ĉiuj devas kulhelpi al ĝia efiko.

Ĉar, karaj samideanoj, la sukceso de nia movado ne dependas de la estraro, sed ĉefe de vi, de vi ĉiuj, t. e. la maljunaj kaj la junaj.

La sinjorino, kiu antaŭ kelkaj minutoj parolis al ni, ŝi jam faris sian devon. Kelkaj el vi, eble multaj el vi jam komencis la lernadon de Esperanto sub la lerta gvidado de nia amiko Pastro Ĉe. (Aplaŭdo). Vi jam faris la unuan paŝon. Daŭrigu tiel.

Nur unu frazon mi deziras ankoraŭ diri kaj ĝi rilatas al la hungara kamparanaro. Mi iomete aludis al la gloro de via lando, sed pli multe ol la gloro plaĉas al mi la simplaj kutimoj de la kamparanoj de tiu ĉi lando. Mi legis, ke kiam fraŭlino en via lando iĝas fianĉino, ŝi metas sur la fenestron kelkajn sukerpecojn, por dokumenti, ke feliĉo kaj dolĉeco ĵus eniris ŝian koron.

Mi esperas, ke vi montros per via ĝentileco, afablo, amindeco kaj gajeco al ĉiuj Budapestanoj, ke feliĉo kaj dolĉeco ankaŭ eniris vian koron. Ke la ĝojo kaj dolĉeco venas al ĉiuj homoj, kiam ili akceptis la donacon de nia neforgesebla majstro Dro. Zamenhof kaj fariĝis membroj de la granda familio tutmonda.

La ĉeestantaro entuziasme aplaŭdis la parolojn de sia simpatia ĉefgvidanto.

S-ro Robert Kreuz, legas telegramon de D-ro Leono Zamenhof, kaj sciigas la nomojn de ĉiuj organizaĵoj reprezentitaj ĉe la kongreso.

S-ro D-ro Sos, el Vieno, salutas je la nomo de Paneŭropo.

Tiam sekvis, laŭalfabete, delegito esperantista de la 27 nacioj reprezentitaj en la kongresanaro. Je la nomo de la belgaj samideanoj salutis S-ro Fr. Schoofs.

La kunsido kondolence stariĝis antaŭ la cindro de S-ro Klaĝin, Nov-Jorko, alportita de S-ro Hamann, laŭ deziro de la mortinto en sian naskiĝlandon.

La malferma kunsido finiĝis je la 23a h.

Inter la fakkunsidoj okazintaj tiun tagon ni notu, tiujn de Oomoto, Internacia Scienca Asocio, Bahaanoj, Int. Asocio de la Stenografistoj, Int. Asocio de la Fervojistoj, Paneŭropo, aŭtomobilistoj.

Dimanĉon la 3an de Aŭgusto, la katolikaj esperantistoj havis en la baziliko de S-ta Stefano sian diservon, ĉe kiu faris Esperantan predikon pastro Samuel Holik. Li komparis la biblian miraklon de Jesuo, kiu donis parolkapablecon al la surdmutulo kun la donaco de Esperanto, kiu havigas aŭd - kaj parolkapablecon al la surdmutaj popoloj. — Samtempe okazis diservo en la hungara reformita preĝejo, kie predikis S-ro Hübner pri la amo, la internacia lingvo de ĉiuj homoj, en rilato al la esperantista laboro. La ĉeestantoj kantis en Esperanto.

Je la 10a oni havis kunvenon de Tutmonda Esperantista Kuracista Asocio kaj Religian prelegon en la Universitato. Je la 11a multnombra delegacio pilgrimis al la tombo de Prelato A. Giesswein, iama prezidanto de la Hungara Esperantista Societo, kiu faris netakseblajn servojn al la enlanda kaj tutmonda movado por Esperanto. Florbukedo estis metita sur la tombon kaj parolis pri la mortinto pastro J. Lajos, reprezentantino de hungaraj virinoj, itala pastro Redondo, D-ro Lorand, D-ro Sôs, el Vieno, kaj Prof. Odo Bujwid, el Krakovo.

Poste la kongresanoj kolektiĝis en la Muzikakademio, kie estis solene inaŭgurata la standardo de la Hungarlanda Esperanto-Societo. Sur la estrado staris la standardo ĉirkaŭita de ĉarmaj festvestitaj hungaraj junulinoj. S-ino J. Isbrücker, el Hago, faris la festparoladon, kaj S-ro de Mihalik dankis. La orkestro, kiu ludis la hungaran himnon, antaŭe sekvigis la dankparolon per ludado de la Espero. Post deklamo de S-ro J. Baghy la ĉeestantoj forlasis la salonon dum estis ludata la Rakoczi-marŝo, kiu vere estas la plej populara ario de la hungaroj.

Tiam la fremdaj gastoj faris demonstracian promenadon, marŝante tra la ĉefaj stratoj de la urbo post la muzikistaro, kiu ludis hungarajn marŝojn. Laŭ tio, kion diris la budapeŝtaj Esperantistoj, tiu demonstracio estis unika en la ĉefurbo.

Je tagmezo la tuta kongresanaro alvenis ĉe la Redutpalaco, kie S-ro Merchant inaŭguris memortabulon je honoro de grafo Stefano Széchenyi, pioniro por la ideo de internacia lingvo, ĉar jam en 1842 li

pledis en la Hungara Scienca Akademio, por artefarita lingvo uzota de la tuta homaro.

Posttagmeze okazis kunvenoj de Kristana Esperanta Ligo, de Landa Hungara Katolika Esperanto-Societo, kaj de U. E. A.-Komitato kun ĉefdelegitoj.

I. C. K. prezentis teon al la ĉefaj subtenantoj de la Universala Esperanto-Movado, inter kiuj estas precipe la korespondantoj de I.C.K., kiuj finance helpas la tutmondan centran organizon per ĉiujara speciala kotizo. La kunveno estis intima kaj bonkora. Parolis S-roj J. Merchant, Rob. Kreuz, F-ino L. Zamenhof, S-roj Bujwid kaj Fischer, pri la ĉiam pli kaj pli necesa centrigo de la tuta Esperanto-movado.

Kaj vespere okazis la tradicia internacia kostumbalo, en la granda pompa salono de la Redutpalaco, kiun honoris per sia ĉeesto barono Karlo Kazy, delegito de la registaro, kaj diversaj aliaj lokaj eminentuloj. Kelkaj specialaj grupoj, inter kiuj la ĉeha, bulgara, kaj hungara prezentis kelkajn tipajn dancojn de sia lando.

Dum tiu balo ni ankaŭ havis la elekton de « Fraŭlino Esperanto ». Ni ne multe povas diri pri la laboroj de la juĝantaro, kiu post longa ekzamenado kaj priparolado elektis estonan fraŭlinon, kiu estis gratulata kaj tre ofte fotografata, de kiu oni petis subskribojn kaj intervjuojn, ĝis tia grado, ke vere ni ne scias, ĉu ni ne devas plendi la knabinon pro ŝia elektiĝo. Kvar aliaj kandidatinoj ricevis specialan premion. Ni ne diskutos, ĉu la aranĝo de tiu novaĵo estas aplaŭdinda. Ni nur diros, ke multaj dancemuloj plendetis pro la granda kvanto de tempo forprenita de ili pro tiu aranĝo, kiu ja daŭris pli ol duonhoro. Poste tamen, ĉiuj forgesis facile tiun malbonaĵon, ĉar ili restis dancantaj ĝis la 3a matene.

Lundon, la 5an de Aŭgusto havis lokon la Unua Ĝenerala Laborkunsido, kies unua temo estis : la internacia elparolado de Esperanto. S-ro Krysta interese parolis pri tiu temo, montrante kelkajn difektojn troveblajn ĉe kelkaj Esperantistoj, kaj donis bonajn konsilojn por alveni al unu modela elparolado. S-ro Privat antaŭe jam atentigis la Esperantistaron pri tiu punkto per sia surdiskigita parolado.

Sekvis diskuto inter diversaj parolantoj pledante pli aŭ malpli grandan severecon en la kampo de la elparolado. Ke la diskutado estis utila montris la fakto, ke la kunsido akceptas sugeston rezervi en la estontaj kongresoj laŭeble unu horon por pritrakti la saman temon.

La dua punkto de la tagordo estis : Esperanto kaj Radio, kiun enkondukas S-ro Rob. Kreuz. Ĉi tiu klarigas la situacion, kiun nia lingvo okupas en la Radio-kampo. Li insistas pri pli intima kaj pli energia kunlaboro kun la Radio-komisiono, kaj dankas al ĉi tiu pro la jam de ĝi faritaj servoj. Ankaŭ pri tiu punkto parolas kelkaj kompetentaj samideanoj.

F-ino Glaser, el Berlino, prezentis al la kongreso du premiitojn de trimonata kurso, kiuj gajnis senpagan vojaĝon al la kongreso, pro sia bona studado. Ili tre flue alparolis la kunvenon en perfekta Esperanto.

Posttagmeze kunsidis la Ĝenerala Estraro de la Movado, kiu i. a. akceptis la proponon de K. R. kunsido pri organizo de nova alvoko por forigi la demandon pri la deficito de la Viena Kongreso.

Je la 18a la urbestraro akceptis delegitaron de la Kongreso en la granda kaj mondfama hotelo Gellert. S-ro konsilanto Purebl, kore alparolis la ĉefreprezentantojn de la movado, je la nomo de la tuta urbo Budapest. Al li respondis s-ro Merchant, prez. de I. C. K. Post tio sekvis detala vizito de la baninstalaĵoj kaj tekunveno prezentita de la urbo.

La programo de tiu tago enhavis fakkunvenojn de Abstinentuloj, folkloristoj, komercistoj, Universala Pacifista Ligo, bankoficistoj, turistoj, filatelistoj.

Vespere la alilandaj gastoj ĝuis, en la Muzikakademio vere belegan hungaran artvesperon, kun abunda programo de diversaj karakterizaj kantoj kaj deklamoj hungaraj, prezentitaj de unuarangaj artistoj.

La mardo, 6a de Aŭgusto, estis dediĉata al ŝipekskurso, sur la Danubo, al Viŝegrad, admirinda loko apud la riverego kun interesa historia kastelo. Matene frue, la ŝipo estis plena je kongresanoj. Ĵus kiam la ŝipestro estis doninta la forvetursignalon kaj kiam la ŝipo ekmoviĝis krevis super nia kapo iu nubo, kiu donacis al ni preskaŭ duonhoran pluvegadon, kiu ĝisoste malsekigis la malfeliĉajn ekskursantojn, eĉ tiujn, kiuj sidis sub la tendego, kaj kiuj rifuĝis sub la tabloj starantaj sur la ferdeko. Post tiu malbontraktado la vetero indulgis nin, kaj sendis al ni siajn plej varmigajn sunradiojn, kiuj ne plu forlasis nin dum la tuta tago.

Promeninte al la belega kastelo de kie oni havis superbelegan panoramon, ni haltis ĉe bone lokita gastejo en kies ĝardeno estis organizita malgranda festo en kiu partoprenis knaboskoltoj de la 327a trupo, per prezentado de diversaj precipe amuzaj numeroj. F-ineto Agnes Tolnai, filineto de ges-roj Elek Tolnai, kantis la Esperon kaj belan hungaran popolkanton, kiun je la fino ĉiuj ĉeestantoj jam kapablis kunkanti. Bonorde okazis la reveturo per ŝipo al Budapest. Dum la tuta tago regis la plej gaja atmosfero. Tiuj kunestoj sur ŝipoj donas okazon al pli amikaj interkonatiĝoj kaj al pli intimaj priparoladoj pri la detaloj de la movado.

La postan tagon, la 7an de Aŭgusto, matene estis la dua laborkunsido dum kiu la ĝenerala sekretario de I. C. K., S-ro R. Kreuz, faris interesan raporton pri Esperanto kiel traduklingvo ĉe teknikaj konferencoj kaj kongresoj. La konkludo de la raporto estis, ke jam de nun oni zorgu pri sufiĉa nombro de bone preparitaj tradukistoj Esperantistaj. Interesa priparolado sekvis la tre dokumentitan raporton de S-ro Kreuz.

Je la 11a h. okazis kunveno de membroj kaj delegitoj de U. E. A. sub prezido de S-ro E. Stettler. Dum la kunsido oni priparolis demandojn

pri la tekniko de U. E. A. Ĝenerale estas feliĉe, ke ni povas noti, ke ĉe la Estraro kaj ĉe la membroj de U. E. A. ekzistas sincera deziro ĉiam kaj ĉie kunlabori kun la naciaj asocioj Esperantistaj. La diskutado pri la administraj detaloj de la Asocio estis tre vigla : tio montras, ke la tuta organizo kaj la servoj de U. E. A. trovas aprobon de la Esperantistaro.

Posttagmeze kunvenis duafoje la Ĝenerala Estraro de la Esperanto-Movado, kiu diskutis pri la ĝenerala organizo de nia afero. Diversaj opinioj aŭdiĝis sed entute oni ne povas diri, ke plimulto estas preta ŝanĝi la nunajn bazojn de la tutmonda movado. La kunsido aprobis la proponon pri honormedalo donota al samideanoj, kiuj faris al Esperanto vere gravajn servojn.

La fakkunvenoj de tiu tago estis tiuj de la pedagogoj, Rotarianoj kaj interesiĝantoj de Heroldo.

Teatra prezentado estis aranĝita posttagmeze en la Budapesta Teatro, lokita en la Urba Ĝardeno, salono malpli ol ne-luksa kun oportunaĵoj pli ol ne-modernaj... sed, ni ne ĉagrenu, ni ja scias, ke se L. K. K. estus ricevinta pli belan teatron ĝi certe ne estus rifuzinta : oni nur vivas per tio, kion oni havas, kaj ne per tio, kion oni deziras havi, kaj nur malbonhumoruloj kaj stomakmalsanuloj plendas pro tiaj eventualaj manketoj.

La prezentadon antaŭiris ludado de Uverturo kaj deklamo de prologo. La vera programo enhavis : « Samuno », unuakta drameto de J. Baghy kun muziko de Mich. Sarosi ; « En la Drinkejo », sceno de hungaraj popolkantoj, de D-ro Kolomano de Kalocsay kaj J. Baghy ; « La kronprinca Ĉambro », tre amuza komedieto de Lad. Vadnai, tradukita de J. Baghy. La kvar diversspecaj aktoj estis bone luditaj de niaj gesamideanoj J. Baghy, M. Sarosi, J. Rolko, Anny Kovacs, Maria Kende, Nik. Sebö, Elizabeto Bodnar, Adalberto Baranyai, Emeriko Vargha kaj Borisa Töth. Ĉiuj meritas nian tre grandan dankon pro ilia sukcesinta elmontro.

Vespere, la saman tagon, ni ĉeestis en la Muzikakademio koncerton de blindaj virtuozoj en kiu partoprenis diversnaciaj blindaj artistoj : S-ro Dick Schipper, S-ro Josef Toman, F-ino Imre Unger, F-ino Margit Riedel, kaj S-ro Lajos Jarmer, kiuj kantis, pian- aŭ violonludis perfekte. Ĉe tiu vespero ankaŭ deklamis S-ro J. Baghy el sia propra poemaro.

Post la koncerto okazis ankoraŭ akcepto de Esperantistaj redaktoroj ĉe la Budapeŝta gazetista klubo, kiu rezervis al ili plej koran vesperon.

Jaŭdon, la 8an de Aŭgusto : Tria laborkunsido kies celo estas la prezento de la oficialaj raportoj de niaj diversaj oficialaj institucioj. La prezidanto ne tro laŭde parolas pri la ĉeestado de la laborkunsidoj : plimultaj povus veni al tiuj kunsidoj, kiuj ja estas grava parto kaj celo de niaj kongresoj.

S-ro Kreuz, resumas sian detalan raporton pri ICK, presitan en la kongreslibro. Pri la financa situacio, li estas feliĉa anonci, ke fine ICK

povis malaperigi la malnovan deficiton el siaj libroj, i. a. pro la bona sukceso financa de la antaŭlasta kongreso en Antverpeno.

S-ro Merchant insistas, ke la diversaj organizaĵoj helpu al la laboroj de ICK, por ke la Sekretariejo povu marŝi regule.

S-ro Kreuz estas komisiita saluti la kongreson je la nomo de la registaro de la Princlando Lihtenstejno, kiu decidis uzi Esperanton sur oficialaj poŝtkartoj kun bildo de la lando.

S-ro Fr. Schoofs, prezentas la raporton de K.R., li priparolas la ciferojn de la membraro kaj de la pagitaj kotizoj de la naciaj societoj kaj insistas, por ke la naciaj asocioj donu la nur malmultajn informojn, kiujn li ĉiujare petas. Pro tio, ke kelkaj societoj ne faras tion, ne estas eble prezenti kompletan statistikon pri ilia ĝenerala situacio.

S-ro Warden, sekvas, kaj parolas pri la laboroj de la Esperanta Akademio kaj de la Lingva Komitato.

S-ro E. Stettler, grandlinie skizas la agadon de UEA kaj klarigas mallonge la aperintan raporton.

La kunveno per aklamoj signas sian aprobon pri la jarraportoj de la diversaj oficialaj institucioj.

Tiam S-ro Merchant diras, ke venis la tempo por memori pri la laboro liverita de niaj grandaj pioniroj. Elstaras nuntempe kvar viroj, kiuj laboris fervore dum multaj jaroj, por alkonduki Esperanton al ĝia hodiaŭa stato. Ili estas Generalo Sebert, Prof. Th. Cart, D-ro Privat kaj S-ro Warden. Ĉeestas nur S-ro Warden, kiu fidele vizitis preskaŭ ĉiujn Universalajn kongresojn. (La ĉeestantaro aklamas la nomojn de la kvar nomitaj gvidantoj). La prezidanto transdonas al S-ro Warden honor-medalon, kiun la ICK, interkonsentinte kun la Ĝenerala Estraro, decidis farigi, kaj transdoni al tiuj meritplenaj pioniroj. S-ro Warden kortuŝite dankas pro la farita honoro tute ne atendita de li, kaj pro tiu manifestado de vera amikeco.

Post la kunsido ,delegacio gvidita de S-roj Merchant, Schoofs, Behrendt, iris al la tombo de la nekonata soldato hungara, kaj sur ĝin metis florkronon je la nomo de la 21a Universala kongreso.

Je tagmezo du grupoj de kongresanoj vizitis : la unua tre faman kaj moderne organizitan bierfarejon, kaj la dua la bone konatajn vinkelojn de Budapest. Detalojn pri tiuj du specialaj ...ekskursoj ne estas eble doni, ĉar kelkaj tre bone konataj geamikoj, pro modesteco, ne ŝatus, ke ni publikigu detalojn pri sia heroa agado dum tiuj ...dokumentigaj vizitoj.

Posttagmeze multaj kongresanoj ĉeestis hungaran prezentadon kiun aranĝis la Virina Mondasocio « Pro Hungaria » sur la Margareta insulo en la Spolarich gastejo, je la honoro de la fremdaj Esperantistoj. Ree ni ĝuis tie, en plej agrabla kadro, sub helbrilanta suno, belegan manifestacion de la hungaraj arto kaj karaktero, per kiuj videble la hungaraj gastigantoj deziras ĉarmi siajn alilandajn gastojn. Ni ne timas diri, ke ili plene sukcesis. La programo enhavis diversajn dancojn kaj popolkantojn, unu pli bela ol la alia. Parolis entuziasme esperantlingve S-ino

de Dro Fr. Réthey. Dankis kaj salutis reprezentanto de ĉiu el la ĉeestantaj nacioj.

La fakaj kunsidoj, kiuj okazis la 8an, estis tiuj de la feministoj, studentoj, juristoj, Bahaanoj, ĵurnalistoj kaj vegetaranoj.

Vespere la Esperantistoj havis sian lastan intiman kunsidon ĉe hungara festkoncerto organizita de la Simfonia Orkestro en la Margareta Insulo, sub la direktado de muzikestro Ernö Unger, kaj kun kunlaboro de la bonega artisto L. Vinkovich, de la urba Teatro. Granda gajeco regis dum la tuta vespero. Oni havas la impreson, ke la baldaŭ disiĝontaj geamikoj intencas provize babili kaj ŝerci kaj diskutadi ĝis la tempo de la proksima kongreso !

Kaj jen, ni jam alvenis, al la lasta tago de nia granda mondfesto. La programo diras : je la 9a, Ferma Kunsido en la granda salono de la Redutpalaco.

La prezidanto de ICK, komencas, dirante la grandan dankon al ĉiuj organizantoj kaj helpantoj de la nun finiĝanta brila kongreso, kiu estis tiel bone organizita, kiu tiel bone sukcesis. Li havas specialan vorton por S-ro J. de Mihalik kaj ankaŭ por S-roj P. kaj E. Tolnai, Balkanyi kaj Baghy. Dankon li poste esprimas al S-ro R. Kreuz, ĝen. sekretario de I.C.K., kiu tiom bone gvidis la ĝeneralajn interesojn de la movado tutmonda.

S-ro de Mihalik, prezidanto de la 21a, esprimas la kontentecon de la LKK pro la bona sukceso de la kongreso, kaj dankas al la partoprenintoj pro ilia multnombra ĉeesto. Li estas certa, ke la efiko estos bona en la tuta hungara lando. Li legas telegramojn ricevitajn de la Regnestro Admiralo Horty kaj de la ĉefministro grafo Bethlen.

D-ro Lorand esprimas koran dankon al ĉiuj prelegintoj en la Somera Universitato. S-ro Elek Tolnai diris, ke la membroj de LKK faris sian eblon por kontentigi kiom eble plej multe ĉiujn gastojn, kiuj bonvolu indulgi pro iuj nekontentigaj detaloj.

S-ro Stettler atentigas pri la klopodo, kiun la Ĝenerala Estraro deziras fari por helpi la amikojn el Vieno. Li esperas, ke ĉiuj samideanoj ĝin subtenos laŭforte.

La Kongreso akceptas la jenajn rezoluciojn:

1. — La 21a Universala Kongreso de Esperanto en Budapest esprimas sian sinceran dankon al la tutmonda gazetaro, kiu helpas nian movadon kaj tute aparte la hungaran gazetaron, kiu tiel afable kaj bonvole publikigis la raportojn de la kongreso. La kongreso esperas, ke la gazetaro ankaŭ estonte kunlaboros por nia tutmonda kulturlaboro.

2. — La 21a Universala Kongreso de Esperanto esprimas sian apartan dankon al la registaro de Hungarlando, al la estraro de la ĉarma ĉefurbo Budapest kaj speciale al la afabla kaj ĝentila loĝantaro pro la ĉie kaj ĉiam vere varma akcepto kaj gastama helpemeco. Ĝi deziras al ĉiuj feliĉan disvolviĝon kaj plenan progreson.

Vivu Budapest kaj la hungara popolo !

3. — La 21a Universala Kongreso de Esperanto laŭ rekomendo de la jurista fakkunveno esprimas sinceran gratulon kaj koran dankon al la Kolegio de l'Advokatoj de Barcelono pro ĝia konstanta intereso pri Esperanto, dokumentita per denova delego de speciala reprezentanto.

Samtempe estas aprobataj 3 dezir-esprimoj de la fakkunsidoj de l'ĵurnalistoj (rilate aranĝon de la fakkunvenoj), de la pedagogoj (koncerne paŝon ĉe la hungara instrua ministro) kaj de l'blinduloj (pri la enkonduko de Esperanto en blindullernejojn).

Tiam D-ro Feliks Zamenhof per altsenta parolado turnis sin al la kongreso. Liaj vortoj estas ofte interrompataj per entuziasmaj aplaŭdoj de la kunveno, kio pruvas, ke la oratoro sukcesis tuŝi la korojn de la ĉeestantoj. En nia proksima numero ni publikigos la plenan paroladon de D-ro Zamenhof.

S-ro Merchant esprimas koran dankon al D-ro F. Zamenhof. Je la nomo de la tuta Esperantistaro li dankas poste al la Budapeŝtaj kaj al ĉiuj hungaraj samideanoj pro la tuta laboro de ili dediĉita al la organizo de la 21a mondfesto Esperantista, kaj pro ilia gastameco. Ni foriras kun danksento, nova laboremo kaj kuraĝo en la koro. Kun deziroj pri bona hejmenvojaĝo, la prezidanto de ICK esperas revidi ĉiujn en la proksimjara kongreso, pri kies loko estos sciigate kiel eble plej baldaŭ.

La ĉeestantoj kantas la « Esperon » kaj forlasas la salonon, kiu du minutojn poste elspiras impreson pri forfluginta bela sonĝo.

---

## LA 5a SOMERA UNIVERSITATO EN ESPERANTO.

Kiel jam dirite en la ĝenerala kongresraporto, la malferma prelegado estis farita de D-ro Georgo Lukacs, efektiva interna sekreta konsilanto, eksministro por kulto kaj publika instruado.

Jen la listo de la prelegoj kun la nomo de la profesoroj : « **La Evolucio kaj nuntempa aplikado de jura medicino** », de Prof. Giorgio Canuto, (Universitato de Torino);

« **La televido** » de D-ro Làsló de Rohrer (Universitato de Pecs) ;

« **La longdistancaj kabloj** » de S-ro A. Behrendt, konsilisto en la regna poŝta ministerio (Berlino);

« **La naturo, origino kaj valoro de la homa kono** » de univ. prof. papa prelato D-ro J. Kiss, direktoro de la Medicina Kolegio (Budapest) ;

« **Lingvokomparo angla-franca-germana** » de D-ro L. Dreher, (Krakow) ;

« **La deviga laboro de la indiĝenoj** », de Prokuroro en la Supera Tribunalo Charles G. Tarelli (Internacia Laboroficejo, Ĝenevo);

« **La estiĝo kaj la pereo de la montaroj** », kun lumbildoj, de D-ro Gyula Rakusz, ŝtata geologo, akad. prof., eksadjunkto de la universitato de Budapesto ;

« **Pastro Viktorio kaj la hispana literaturo pri internacia juro** », de D-ro Andrès Piño ,advokato en Valencia (Hispanujo).

# BELGA KRONIKO

**Antverpeno.** — La 3an de Aŭgusto « La Verda Stelo » ĝojis pro la vizito de angla Samideano Moy Thomas, kiu agrabligis la kunvenon per siaj gajaj kantoj kaj gitarludado. Dimanĉon 18an, sufiĉe multnombre ili kunvenis en la Parko « Rivierenhof », ne por iu grava tagordo, sed por dancante pasigi agrablan posttagmezo kaj vesperon.

Sabaton 23an, en la salono de la « Brasserie de la Bourse » okazis diplomdisdon-ego ! Estis entute 58 gediplomitoj !

El la «Perfektiga kurso », gvidita de S-ro M. De Ketelaere : kun la plej granda merito : S-roj Amerijckx kaj Mandelker ; kun granda merito: F-ino Lek, S-roj Van Reybroeck, Bolsius kaj H. Van Put ; kun merito : S-ro Jos. Kennis, F-ino Liv. Herinckx, S-ro Rudner.

El la « Rapidkurso » gvidita de S-ro M. Jaumotte : kun la plej granda merito : S-ro Frans Mortelmans, F-ino Berthe Boeye, S-ro D. Denaene, S-ro Arm. kaj Frans Van den Acker; kun granda merito: S-ro K. Verhoeven, F-ino Virg. Dujardin, S-ro D'Outreligne, S-ro Ern. Van Steen, F-ino Maria Peeters, S-roj Finckelstein, Marcel Christiaens, F-ino Willé, S-ro G. Ariën, F-inoj B. Theyssens, Anna Van de Goor, S-ro Jos. Van Bockel ; kun merito : S-roj L. De Roy, P. Van Cutsem ; sukcesis: F-ino M. Van Oeckel, S-ro F. J. De Craene kaj F-ino Gabr. Pauwels.

Por la kurso gvidita de S-ro Schoofs : kun la plej granda merito : S-ro Strassberg, F-ino J. Van Riel ; kun merito : S-roj Clinckers kaj Rossel, F-ino Nulens ; sukcesis : S-roj Nimmegeers kaj Willems G.

El la kursanoj de S-ro Faes : kun la plej granda merito : F-ino A. Quintin, S-roj Xhoffer kaj Michiels, F-inoj Irma Quintin kaj Duyvewaardt ; kun granda merito : F-ino Van den Bossche, S-roj Bolle, Slaets, Heynen kaj Mathieu ; kun merito : S-roj Alfr. Materne, Van den Bossche, Matagne, Bex kaj F-ino Smulders ; sukcesis : F-inoj De Mont, Rosa Mertens, S-ro De Vries kaj F-ino L'Hoest.

Tiun vesperon ankaŭ agrabligis S-ino Faes, kiu ludis la pianon kaj F-ino Alice Quintin kiu kantis. Varmaj aplaŭdoj esprimis la dankon de la aŭskultantaro.

**Bruselo.** — Brusela Grupo Esperantista. — Malgraŭ la libertempa periodo, la ĉeestado de la membroj de la grupo ĉiam estis granda dum la kunvenoj de la monato Aŭgusto.

Dimanĉon la 11an, sub gvidado de D-ro Kempeneers, kelkaj grupanoj vizitis la tre interesan Muzeon Spitzner sur la foira kampo. Dank'al la fakto, ke la gvidanto estis kuracisto, tiu vizito estis despli interesa kaj multaj el la ĉeestintoj eksciis pri detaloj de la ordinara vivo, kiujn ili tute ne konis antaŭe. Tiuj kiuj ne partoprenis perdis bonan okazon por kleriĝi.

Kun granda sukceso, la anoj de la Grupo renkontiĝis en « Chalet des Rossignols » la sekvantan tagon vespere kaj dank'al la plej agrabla freŝeco, ili bonege amuziĝis interbabilante kaj dancante.

Lundon la 26an, D-ro Kempeneers faris mallongan raporton pri la

vizito, kiun li gvidis en la Muzeo Spitzner antaŭ du semajnoj kaj donis tiamaniere al tiuj, kiuj ne partoprenis tiun viziton, ideon pri la interesaĵoj, kiuj estas videblaj en tiu Muzeo.

D-ro Kempeneers donis poste la lastajn klarigojn pri la ekskurso, kiun la Grupo aranĝas por viziti Lieron la 1an de septembro kaj invitis la membrojn partopreni, kiel eble plej nombraj al tiu vojaĝo interesplena.

## GRATULOJ

Al **F-ino Renée Petiau,** filino de nia agema ĝenerala sekretario, kiu edziniĝis la 14an de Septembro kun S-ro Arthur Verselder, en Gento.

Al S-ro **R. Kesteloot,** gvidanto de la orkestro kiu jam ofte ĝojigis la balojn de « La Verda Stelo », kun F-ino Blanche De Weerdt.

## NEKROLOGO

S-ro **Fernand Bernier,** kiun ni havis la okazon gratuli antaŭ kvar monatoj pro lia nomiĝo kiel urbestro de St-Gilles-Bruselo, mortis.

La mortinto faris gravajn servojn al la Esperanto-movado en Bruselo. Niaj lokaj amikoj trovis lin preta helpi ĉiufoje, kiam ili pri tio petis. Pro tio la belgaj Esperantistoj danke memoros pri li. « Belga Ligo Esperantista » kaj « Belga Esperantisto » prezentas al liaj edzino kaj infanoj la esprimon de sia partopreno en ilia funebro.

## BELGA GAZETARO

Speciale ni notas la jenajn publikigojn :

En « La Flandre Libérale », Gento (13-9) : Artikolo pri projektita eldono de belga antologio en flandra kaj franca lingvoj, okaze de la centjara datreveno de la fondiĝo de Belgujo. En tiu artikolo la verkinto atentigas, ke la belgaj Esperantistoj jam realigis tiun projekton laŭ universala vidpunkto, publikigante tian antologion en Esperanto.

En « L'Etincelle », Bruselo (20-9), en raporto pri kunveno de la ĝenerala konsilantaro de la internacia sekretariejo profesia de socialistaj instruistoj ni notas : « Estis decidate, meti en la tagordon de la proksima kongreso la priparoladon de eventuala akcepto de internacia helplingvo. Esperanto ŝajnis ĝui la simpation de la kongresanoj. »

« De Diamantbewerker », Antverpeno (29-9) enhavas komunikon pri organizo de Esperanto-kurso en Eeckeren, gvidota de S-ro A. Verhulst, kaj pri la kursoj organizataj de la Antverpena urbestraro.

« Belga-Radio », Antverpeno (Aŭgusto) daŭrigas la publikigon de resumoj en Esperanto. De proksima monato tiu bonega Radio-revuo aperigos mallongan kurson de Esperanto kunmetitan de nia brusela samideano L. Bas.

Ni akceptas kun ĝojo la informon, ke la redakcio de la infangazeto « Na de School » (Post la Lernejo), decidis plublikigi baldaŭ klarigan artikolon pri Esperanto, kiun sekvos kurso de nia lingvo, speciale aranĝita por infanoj.

# LA VERDA MONDFLAGO

La verda mondflago flirtados
Laŭvoje de tuta la ter',
Kaj brilaj steletoj sendados
Radiojn de lingvo d'Esper'.

La lumo ekbrilas en koroj
De ĉiuj popoloj sur ter',
Pro kies obstinaj laboroj
Aŭdiĝos la lingvo d'Esper'.

Ĝi fortan fratecon regigos
Ja inter la landoj de l'ter',
Kaj veran prosperon semigos,
Ĉiame la lingvo d'Esper'.

Kaj ĉie kreskigos la florojn
De l'paco eterna sur ter',
Kunigos ameme la korojn
La sankta bellingvo d'Esper'!

Originale verkis Ach. DE MAERTELAERE.

---

# BONHUMORO

En la trinkejo unu el la kutimaj vizitantoj, el la Nordo renkontas kolegon, el la Sudo.

Ili sin konas reciproke tre malmulte. La sudulo demandas:

— Ĉu vi volus pruntedoni al mi mil frankojn ?

— Ĉu vi do estas tute sen mono ?

— Ne ! Mi havas monon hejme !

Tiam eltirante bileton de dek frankoj el sia poŝo la Nordulo diris :

— Jen dek frankoj, prenu aŭtomobilon !

---

— Diri, ke tiu mizera Harold mortis ! Li konis kvar mortintajn lingvojn...

— Nu, li havos nun la okazon por uzi ilin !

---

Edzo. — Kia stranga ideo, karulino, prepari pomtorton kun bulbosaŭco ?!

Juna edzino. — Mi diros al ci, jen, mi turnis du paĝojn en unu fojo de mia kuirlibro, kaj mi rimarkis tion tro malfrue.

---

Promenanto. — Sed kial vi pendigis ponom je l'fino de via fiŝkaptilo ? vermo tie estas necesa...

La fiŝkaptisto. — Nu, la vermo estas en la pomo !

---

Artisto. — Oni diras, ke vi ludas je kordinstrumento ? Ĉu banjo, gitaro, mandolino ?

— Ne ! ĉiudimanĉe mi sonorigas la sonorilojn !

---

Martirulo j. — Jes, filo mia, estas tre malbele ĵuri. — Ekzemple, mi, unu fojon en mia vivo mi ĵuris antaŭ sinjor' urbestro... Kaj mi ĉiam suferas ankoraŭ pro tio !

# DIVERSAJ INFORMOJ

**La Tutgermana Unuiĝo de Instruistoj** (kun pli ol 150.000 membroj) dum sia oficiala jarkunveno en Dresden, pentekosto 1929, akceptis jenan rezolucion : « **Ĉiuj klopodoj, kiuj en la rondoj de instruistoj kaj lernantoj celas la disvastigon de mondhelplingvo, estu subtenataj.** » S-ro Dietterle, Direktoro de la Esperanto-Instituto por la Germana Respubliko, petas, konigi tiun rezolucion al la instruistaj faksocietoj, kaj, se eble, traduki ĝin por fakgazetoj de instruistoj en sia lando.

**Alvoko.** — Al ĉiuj Esperantistoj samtempe religiaj (kristanaj) socialistoj, mi faras la urĝan peton konatiĝi sin al mi (plenan nomon kaj adreson) por ke ni komune agadu kaj servu la internacian religian (kristan-) socialistan movadon. Ni pruvos tiel agante la utilon de Esperanto kiel interfratigilon kaj interkomunikilon. J. L. Bruijn, Daguerrestraat 156, Hago (Nederlando).

**La Rom-katolika Unuiĝo de profesoroj por progresigo de komerca korespondo** aldonis Esperanton al siaj ekzamenoj francaj, germanaj, anglaj kaj hispanaj, pro tio, ke multaj eksterlandaj firmoj jam uzas Esperanton en sia korespondado, aŭ anoncas, ke kun ili oni povas korespondi en Esperanto. Por ricevi informojn pri tiuj ekzamenoj oni sin turnu al S-ro A. J. Spierings, Vervestraat, 9, 's-Bosch (Nederlando).

**Deziras korespondi kun belgaj samideanoj :**

S-ro M. Kaŭakiŝi, Enami-Maĉi, Tojama-Ken, Japanujo, pri literaturo, kinematografo, dramo. Ankaŭ interŝanĝas poŝtkartojn ilustritajn.

S-ro Zin. Shaskiuk, 57, Bul. Smolenski, Moskvo, per pk. ilustritaj kaj p. markoj.

J. Ŝimkovic, nam. 31, Zwolen, Ĉehoslovakujo, por interŝanĝi poŝtmarkojn.

---

## LA TRAFIKO EN LA HAVENO DE ANTVERPENO

Dum la monato Aŭgusto alvenis en Antverpeno 1049 ŝipoj kun entute 2.165.211 tunoj, inter kiuj 7 velŝipoj kun 2982 tunoj; tio signifas pliiĝon de 36 ŝipoj kaj 76.396 tunoj. Por la ok unuaj monatoj la pligrandiĝo de la trafiko estas 332 ŝipoj kaj 787.507 tunoj. La meza tunkapacito estis 2064 tunoj por ĉiu ŝipo.

Inter la alvenintaj ŝipoj estis 423 anglaj, 197 germanaj, 85 belgaj, 78 nederlandaj, 59 svedaj, 53 francaj, 50 norvegaj, 29 danaj, 14 amerikaj, 11 italaj, 9 finlandaj, 7 litovaj, 6 rusaj, 6 japanaj, k.t.p.

# ESPERANTA RIMVORTARO (Tria parto)

didven
konven
sven
azen
magazen
benzen

**ENC**

licenc
kadenc
dekadenc
providenc
tendenc
diligenc
indulgenc
pacienc
scienc
konscienc
ingredienc
aŭdienc
fajenc
ekscelenc
kondolenc
komenc
eminenc
abstinenc
penc
rekompenc
parenc
referenc
riverenc
konferenc
cirkonferenc
diferenc
konkurenc
senc
esenc
kvintes(c)enc
atenc
sentenc
intenc
potenc
influenc
konsekvenc

**END**

bend
prebend
cend
transcend
dividend
fend
defend
ofend
agend
legend
kalend
blend
plend
mend
amend
rekomend
pend
send
tend
atend
etend
pretend
vend
lavend

**ENDR**

rododendr
tendr

**ENG**

venĝ

**ENJ**

-enj

**ENK**

benk
venk

**ENR**

genr

**ENS**

incens
dens
kondens
lens
mens
pens
kompens
intens

**ENT**

terebent
cent
placent
akcent
docent
dent
dekadent
ident
akcident
okcident
trident
evident
divident
prudent
student
gent
agent
inteligent
diligent
tangent
kotangent
kontingent
arĝent
serĝent
pacient
koeficient
kvocient
klient
orient
abiturient
lent
talent
ekvivalent
silent
korpulent
ment
ament
amendament
fundament
ligament
medikament
lament
parlament
firmament
temperament
sakrament
pasament
apartament
testament
postament
taĉment
cement
dement
element
reglement
komplement
rekrement
ekskrement
departement
fragment
segment
tegment
pigment
sediment
regiment
aliment
kompliment
piment
eksperiment
sentiment
sortiment
kantonment
foment
moment
sarment
ferment
turment
abutment
tegument
argument
dokument
monument
instrument
postument
eminent
kontinent
impertinent
poent
pent
ĉarpent
serpent
rent
indiferent
torent
sent
konsent
tent
atent
latent
patent
kompetent
kontent
impotent
vent
Avent
advent
ungvent
elokvent
solvent
insolvent
invent
prezent
riprezent

**ENTR**

centr
koncentr
ekscentr
pentr
ventr

**ENZ**

recenz

**EP**

cep

kep
nep
pep
rep
krep
sep
step
instep

**EPR**

kepr
lepr
nepr
vepr

**EPS**

biceps
reps
seps
aseps
antiseps

**EPT**

recept
akcept
koncept
percept
escept
adept
sept
transept

**EPTR**

sceptr

**ER**

er
-er
aer
ber
liber
Berber
puber
tuber
acer
macer
kampacer
cicer
lonicer
krejcer
ulcer
sincer
rinocer
karcer
mercer
viscer
feder
konfeder
heder
belveder
sider
konsider
moder
maroder
border
fer
afer
prefer
cifer
krucifer
rangifer
umbelifer
konifer
infer
ofer
sfer
atmosfer
sufer
mefer
ekzeger
pasaĝer
etaĝer
Alĝer
danĝer
koher
bier
fier
bankier
kancelier
kordelier
fuzilier
manier
inĝenier
kaponier
bazier
karier
kurier
kondotier
brevier
vizier
kajer
entjer
ker
aker
kvaker
kiker
anker
konker
parker
suker
galer
taler
kancler
celer
heler
teler
kler
makler
skler
holer
koler
toler
ekzempler
kuler
cirkuler
kamer
efemer
himer
aglomer
somer
vomer
osmer
humer
numer
gener
degener
regener
vener
kelner
skorzoner
oer
aper
kaper
paper
juniper
viper
amper
oper
esper
vesper
prosper
ser
paser
filokser
anser
ŝer
ter
later
krater
eter
ceter
leter
ureter
veter
vefter
presbiter
liter
soliter
karakter
ikter
sfinkter
halter
adulter
remter
anter
panter
mezenter
enoter
akroter
esoter
lepidopter
kaleopter
fenikopter
parter
morter
porter
ster
aster
decister
klister
mister
zoster
uter
termokaŭter
buter
ver
sever
liver
kver
revolver
mizer
drozer

**ERB**

cerb
herb
Serb
verb
adverb
proverb

**ERC**

skerc
komerc
ŝerc
terc
sesterc
ekzerc

**ERĈ**

perĉ
serĉ

**ERD**

perd

verd

ERG

erg
merg
asperg
verg
konverg

ERĜ

serĝ
konverĝ

ERK

ĉerk
perk
gutaperk
sterk
verk
kverk

ERL

merl
perl

ERM

pakiderm
epiderm
ferm
ĝerm
skerm
sperm
term
eksterm
verm

ERN

koncern
lucern
modern
kern
lern
tern
alatern
etern
altern
subaltern
lantern
intern
stern
cistern
koncern
kavern
guvern
kazern

ERP

erp
ĉerp

ERS

Pers
dispers
vers
divers
univers
renvers
invers
transvers

ERST

verst

ERŜ

verŝ

ERT

cert
lacert
koncert
lert
inert
spert
vespert
ekspert
asert
desert
insert
vert
avert
konvert
dezert

ERV

cerv
nerv
serv
observ
konserv
verv
rezerv

ES

neces
reces
sukces
proces
absces
eksces
ĉes
Hades
rodes
fes
konfes
forges
ies
dies
ĉies
kies
nenies
ties
jes
Herkules
mes
rimes
promes
permes
pes
spes
kares
dres
adres
interes
regres
kongres
progres
kres
pres
cipres
impres
kompres
ekspres
plates

ESK

arabesk
inkandesk
adolesk
burlesk
intumesk
fresk
kresk
fosforesk
pigratesk
grotesk

ESPR

vespr

EST

est
best
asbest
cest
modest
fest
manifest
gest
digest
kongest
siest
majest
kest
arbalest
nest
honest
pest
anapest
rest
arest
krest
sest
test
atest
intest
protest
vest
invest

ESTR

estr
-estr
sekestr
orkestr
trimestr
fenestr
sekvestr

EŜ

bekeŝ
kaleŝ
depeŝ
kampeŝ
freŝ

EŜT

veŝt

ET

-et
et
bet
alfabet
analfabet
diabet
debet
cibet
kvodlibet
zibet
ŝorbet
facet
spermacet
lancet
avocet
tercet

aĉet
giĉet
kadet
fet
stafet
profet
veget
parget
budĝet
societ
diet
pariet
kviet
rijet
kastanjet
vinjet
ĵet
ĵaket
paket
raket
briket
etiket
blanket
enket
koket
kroket
asket
kasket
tualet
bracelet
skelet
goelet
pamflet
onglet
bilet
dilet
motociklet
omlet
golet

flaĝolet
kabriolet
triolet
epolet
plet
komplet
atlet
kotlet
amulet
rulet
met
komet
kompromet
alumet
kalumet
net
magnet
kabinet
tinet
marionet
bajonet
sonet
klarnet
kornet
lornet
poet
pet
parapet
tapet
ripet
centripet
impet
trumpet
ret
minaret
lazaret
bret
biret
kret

dekret
sekret
konkret
diskret
anakoret
pret
interpret
portret
taburet
peset
kotet
motet
epitet
kvintet
septet
sekstet
kvartet
duet
siluet
minuet
vet
korvet
gazet
pezet
klozet

**ETR**

merketr
paletr
metr
diametr
miriametr
kilogrametr
pentametr
heksametr
decimetr
perimetr
centimetr

dekmetr
aerometr
eŭdiometr
kilometr
dinamometr
termometr
manometr
galvanometr
fonometr
kronometr
barometr
aerometr
higrometr
mikrometr
gasometr
hektometr
penetr
salpetr
piretr
uretr
tetr

**EŬD**

feŭd
pseŭd

**EŬLT**

beŭlt

**EŬR**

pleŭr

**EŬS**

Preŭs
Zeŭs

**EŬTR**

neŭtr

**EV**

ricev
dev
lev
mev
nev
rev
brev
krev

**EZ**

ardez
fez
akzegez
markez
lez
komplez
mez
genez
frenez
magnez
pez
trapez
spez
herez
prez
tez
antitez
parentez
sintez
hipotez
protez
artez
anestez
mortez
pavez

I

-i
abi
gabi
skabi
rabi
amfibi
alibi
tibi
kambi
fobi
hidrofobi
fotofobi
gobi
niobi
anobi
barbi
herbi
eŭforbi
rubi
ci
delegaci
negaci
abnegaci
agregaci
kongregaci
obligaci
irigaci
navigaci
konjugaci
Anunciaci
asociaci
variaci
kaci
akaci
gratifikaci
ablaci
kontravalaci
cirkonvalaci
apelaci
interpelaci
konstelaci
glaci
translaci
modulaci
spekulaci
kapitulaci
kremaci
larmaci
konfirmaci
formaci
reformaci
naci
rezignaci
ordinaci
kulminaci
deklinaci
iluminaci
raci
deklaraci
vibraci
aberaci
federaci
konfederaci
generaci
regeneraci
operaci
aliteraci
graci
dekoraci
ekskoraci
korporaci
restoraci
arbitraci
administraci
demonstraci
karburaci
inaŭguraci
kasaci
sensaci
konversaci
ostentaci
rotaci
disertaci
staci
disertaci
rotaci
nutaci
manifestaci
reputaci
menstruaci
situaci
ekvaci
cvaci
civilizaci
organizaci
speci
seneci
sekreci
organizaci
ambici
adici
tradici
koalici
ekspedici
erudici
ilici
milici
silici
munici
aŭspici
patrici
litotrici
intuici
vici
rekvizici
inkvizici
pozici
apozici
prepozici
kompozici
opozici
propozici
ekspozici
akci
redakci
reakci
kalofakci
frakci
afekci
konfekci
projekci
interjekci
lekci
direkci
silekci
sekci
vivisekci
dikci
sankci
funkci
konkunkci
interpunkci
abdukci
redukci
indukci
instrukci
aŭkci
hiromanci
nekromanci
transsubstanci
konfidenci
menci
konvenci
subvenci
stronci
nunci
emoci
promoci
epizooci
poci
soci
asoci
proskripci
erupci
inerci
terci
porci
proporci
sci
konsci

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| kontribuci | oreografi | demagogi | ernergi | famili |
| poluci | biografi | genealogi | orgi | pumili |
| evoluci | aŭtobiografi | analogi | metalurgi | papili |
| revoluci | hagiografi | mineralogi | ĥirurĝi | torpili |
| cirkonvoluci | bibliografi | amfibologi | dramaturgi | berili |
| rezoluci | ksilografi | geologi | liturgi | fosili |
| prepuci | daktilografi | arĥeologi | aĝi | tili |
| instituci | kosmografi | teologi | adaĝi | emboli |
| konstituci | stenografi | frazeologi | paĝi | foli |
| prostituci | monografi | grafologi | maharaĝi | infoli |
| kaŭci | etnografi | morfologi | loĝi | trifoli |
| pioĉi | tipografi | psihologi | spahi | cerefoli |
| farĉi | topografi | biologi | oligarĥi | centifoli |
| di | hidrografi | sociologi | anarĥi | akoli |
| kadi | orografi | embriologi | monarĥi | melankoli |
| paladi | fotografi | bakteriologi | aparĥi | magnoli |
| vanadi | kartografi | etiologi | hierarĥi | interpoli |
| radi | ortografi | eĥtiologi | hadĵi | panopli |
| stadi | aŭtografi | fiziologi | graki | marli |
| tragedi | defi | filologi | ski | kirli |
| medi | rektifi | etimologi | iski | abuli |
| komedi | atrofi | homologi | viski | fuli |
| tragikomedi | alotrofi | pomologi | kluki | Juli |
| enciklopedi | hipertrofi | oftalmologi | ali | kuli |
| ortopedi | teozofi | entomologi | dali | kurkuli |
| rubidi | filozofi | kosmologi | gali | puli |
| stipendi | magi | teknologi | kali | bigami |
| kompendi | hemoragi | fonologi | alkali | poligami |
| indi | legi | kronologi | pazilali | lami |
| gerundi | elegi | etnologi | anomali | adinami |
| melodi | sakrilegi | zoologi | Aŭstrali | kadmi |
| kolodi | privilegi | apologi | tali | akademi |
| podi | akvilegi | antropologi | establi | epidemi |
| likopodi | kolegi | meteorologi | bibli | endemi |
| parodi | hemiplegi | patrologi | bdeli | ĥemi |
| rapsodi | regi | astrologi | evangeli | alĥemi |
| prozodi | strategi | patologi | kameli | anemi |
| kardi | kalistegi | etologi | stapeli | hiperemi |
| gvardi | religi | erpetologi | filateli | premi |
| kaligrafi | kefalalgi | litologi | gangli | uremi |
| pazigrafi | naŭralgi | mitologi | koncili | abstem |
| ideografi | koksalgi | ornitologi | idili | simi |
| geografi | nostalgi | antologi | fili | oftalmi |
| paleografi | angi | poleontologi | lili | antinomi |
| stereografi | pedagogi | letargi | mili | fizionomi |

# BIBLIOGRAFIO

**KANDID** aŭ **LA OPTIMISMO**, de Voltaire. Esperanta traduko de E. Lanti. 164 paĝoj 13 x 19 cm. Eldonis Sennacieca Asocio Tutmonda, Colmstr. 1, Leipzig 0.27. Prezo Rmk. 1,70.

La verko de Voltaire estas sufiĉe konata en la mondo por ke ni diru multe pri ĝi. Ni nur povas noti ke la traduko estas lerte farita. La flua stilo helpas al agrabla legado de la libro.

**PROLOGO.** Jubilea Kolekto de Originalaj Poemoj, de E. Miĥalski, 64 paĝoj 11 1/2 x 15 cm. Eldonis Sennacieca Asocio Tutmonda, Leipzig.

**KLEINE ESPERANTO-LEHRER zum das GASTWIRTSGEWERBE** zum Selbstunterricht, von G. Markaŭ, Postdam. 36 paĝoj 11 x 15 cm., eldonis Friedrich Ellersiek, G. m. b. H., Wilmsstrasse, 5, Berlin S. W. 61. Prezo : Rmk. 0,60. Malgranda lernolibreto tre praktika, kiun utile uzos la germanaj servistoj de restoracioj por lerni Esperanton. Ĉiuj ekzercoj en tiu malgranda gramatiko koncernas la restoracian fakon.

**KONGRESLIBRO** de la 21a Universala Kongreso de Esperanto kaj 5a Somera Universitato en Esperanto. Budapest 2-9 Aŭgusto 1929. 104 paĝoj 15 x 22,5 cm. Eldonis L.K.K., Budapest.

**ADRESARO DE JAPANA ESPERANTO-INSTITUTO.** Libreto de 32 paĝoj 14,5 x 22 cm. enhavanta en japana skribo la adresojn de la membroj de J.E.A.

**BELA JOE.** Aŭtobiografio de Hundo. Angle verkita de Marshall Saunders. Tradukita Esperanten de J. Blaikie kaj N. Hohlov kun permeso de la aŭtorino kaj la eldonistoj. Ilustrita de D. Copeland. 314 paĝoj 12 x 14 cm. Eldonis Brita Esperantista Asocio, Londono. 1929. 1 Belega libro. Unika en sia speco. Laŭ antaŭparolo de la aŭtorino mem ni resumas la enhavon de la libro : Bela Joe estis reala hundo. Dum la unua parto de sia vivo li apartenis al kruela mastro, kiu malbontraktis lin. Savita el la manoj de sia mastro, li vivis multajn jarojn en feliĉa hejmo kun agrabla ĉirkaŭaĵo, kie li ĝuis grandan lokan famon. Per sia verko la aŭtorino sendube atingas sian celon, t.e. plifortigi la amon de la bestoj. La stilo estas simpla kaj intima, la Esperanto-traduko senriproĉa kaj la eldonlaboro brila. Unuvorte nova libro laŭte rekomendinda al ĉiu, kiu volas legi taŭgan verkon.

**GEMOJ DE LA HUNGARA POPOLMUZIKO.** Hungaraj kantoj tradukitaj de K. de Kalocsay, kun antaŭparolo de D-ro J. Lukas. 16 paĝoj 20 x 12 cm. Eldonis Esperanto-Grupo de la Hungara Nacia Asocio. Prezo : B. Fr. 14. Aĉetebla ĉe Belga Esperanto-Instituto, Kl. Hondstraat, 11, Antverpeno. Poŝtĉeko : 1689.58. La kajero enhavas ses perlojn de la hungara muziktrezoro : 1. « Kuruca » tendarkanto ; 2. Paŭlo brava, Petro brava ; 3. Hej, ŝafisto ; 4. Sur la kampo rosoj brilis. 5. kanto de Beroseny. Pri ĉiu kanto estas mallonga sed tre bona klariga noto. La muziko enhavas la akompanan parton por fortepiano, dank'al kio la libreto estas uzebla tuj por koncertoj kaj Esperanto-festoj. La grupoj havu ĝin en sia muzika kolekto !

# Taverne Royale

***Rue d'Arenberg, Galérie du Roi***

**BRUSELO**

Unuaranga entrepreno.

Restoracio — Kafejo — Tetrinkejo.

Grandaj kaj malgrandaj salonoj por Festenoj,

Kunvenoj, Konferencoj, k. t. p.

— — ARANĜO DE HEJMAJ FESTENOJ. — —

# SCHIDLOF's ZAKWOORDENBOEKJE

Esperanto-Nederlandsch & Nederlandsch-Esperanto

1 volumo : 600 paĝoj - Fr. 20.00

Mendu ĉe **Belga Esperanto-Instituto K. S.**

*Poŝtĉeko* 1689.58 ***ANTVERPENO.***

# HUIS IRMA

## GER. DE BOES-BUTTENAERE

**ALTA KUDRADO**

**ROBOJ - MANTELOJ - PELTOJ**

POŜTĈEKO 148.186 **Wijnstraat, 31, RONSE.**

ESPERANTO PAROLATA KAJ KORESPONDATA.

VIZITU BRUGES (BELGUJO)

arta urbo je 15 Km. de la Norda Maro

kaj haltu :

# HOTEL DU CORNET D'OR

**2, PLACE SIMON STEVIN**

Sidejo de la Bruĝa Grupo Esperantista.

Centra situacio je 2 minutoj de la Stacidomo.

Tre komfortaj ĉambroj, bonaj manĝaĵoj, bonaj vinoj kaj tre moderaj prezoj.

*Oni parolas Esperanton.* *English spoken.*

(106) S. D.

# Banque Générale de la Flandre Occidentale

Anonima Societo fondita en 1881

***56, Rue Flamande, 56 — BRUGES — Telefono 89***

Agentejoj en

Blankenberghe, Furness, Ghistelles, Heyst, Knocke, Nieuport kaj Thourout.

DISKONTO MONŜANĜO

KREDITKONTOJ

Pruntedono sur obligacioj kaj ĉiuj valordokumentoj — Depono de Akcioj

Borsmendoj por ĉiuj urboj.

ANTAŬMENDOJ—REGULIGOJ

Pago de kuponoj — Eldono de ĉekoj — Kreditleteroj

Aĉeto kaj vendo de fremdaj mono kaj biletoj — Luigo de monkestoj.

(105) S. D.

**Telefono: Cappellen 103.** AŬTOMOBILTENEJO. **Poŝtĉekkonto No 1178.56.**

Esperanto parolata!

## *Grand Hôtel de la Chapelle,* St. MARIABURG

**G. VAN HAVER-DE BOES**

RESTORACIO LAŬKARTE — FAMILIA PENSIONO

SALONEGO POR FESTOJ KAJ FESTENOJ.

MALFERMATA DUM VINTRO KAJ SOMERO.

NB. Facile atingebla el Antverpeno per aŭtobuso aŭ tramo. NB.

Esperanto korespondata.

# Nederlandsche

# Gist- & Spiritusfabriek

**(Nederlanda Fabriko de Fermento kaj Alkoholo)**

ANONIMA SOCIETO

Societa Sidejo : **DELFT (Nederlando)**

Fabrikejo : **BRUGES-BASSINS** (Belgujo)

Filioj : **BRUSELO kaj HUY** (Belgujo)

**Produktaĵoj :**

## Reĝa Fermento

## Alkoholo kaj Brando

## Eldistilaj Rekrementoj

**Fako "Fermento kaj Rekrementoj" : Bruges-Bassins**

**Fako "Alkoholo kaj Brando": 378, Av. Van Volxem, Bruselo**

**Telefono :** Bruges N° 8 & 908 / Bruxell. BR. 8338 / Huy N° 40

**Telegr. :** Bruxelles / Bruges / Huy — "Gistfabriek"

(104)

S.D.

# Belga Manufakturo de Industriaj Produktoj

Societo anonima (Fc 872)

## 18, Rue Neuve, 18 -- LEDEBERG - APUD - GENTO

TELEGRAF-ADRESO : "PERFECTA,, GENT

TELEFONO : 635

Dozitaj analiziloj por la uzado de la industriaj akvoj.

Logika purigo per purigaj aparatoj aŭ en kaldronegoj kun aŭ sen aparatoj.

Senpera importado de industriaj oleoj kaj grasoj.

Stupo. Kaŭĉuko. Klapoj. Rimenoj.

Kotonrestaĵoj por purigi maŝinojn.

(107)

EKSPORTADO

CIF AL ĈIUJ HAVENOJ




**Niaj asbest-cementaj ardezoj, platoj ebenaj kaj ondoformaj multe uzataj estas por kontraktoj**
de la
**Belga Ŝtatfervoja estraro :**
TIO GARANTIAS ILIAN BONEGAN KVALITON

**Fabrikejo de Gipso - Cementaj Tegoloj kaj Kaheloj**
**Brikoj - Ter-tegoloj - Flandraj argilaĵoj**

# Scheerders - Van Kerchove's

VEREENIGDE FABRIEKEN *(Naamlooze Vennootschap)*

**SINT-NIKLAAS (Waas) - Belgujo**

(120)